# TABELO DE ENHAVO

POEZIO

# Alian mondon

de Gafur Gazizi

Kun via animo mistera, lontana,
min ligas fadeno de sento tenera
kaj kuras laŭ ĝi el la koro infana
kurento de mia animo sincera.

Mi skribas al vi la leteron kun ĝojo
ne nur por saluti vin per bona vorto,
sed por inter ni estu ĉiam la vojo
sur ponto liganta la bordon kun bordo.

Mi volas ke nin en la mondo sensenta
kunigu parolo de l' koro al l' koro.
Ne venu al ni la soleco turmenta,
ne ronĝu estinta aŭ nova doloro...

Kun vi, mia kara amiko lontana,
deziras mi loĝi la mondon unikan,
kreitan de mia imago infana,
kaj ĝui en ĝi la feliĉon amikan.

# Se malproksimas vi…

Kiam venos nokto milda
vi el hejmo iru al
flustro de l' mister' aminda
en la kosma ĝeneral'.

Iru vi en kampon vastan
kaj sub stela simfoni'
aŭdu mian voĉon gastan
en ventspira emoci'.

Kaj komprenu amkonfeson
en muzika nokt-silent'
kaj konsciu la neceson
plen-sinceri al la vent' ;

Kaj eldiru ĉion karan,
ĉion koran el l' anim' –
l' vento rompos dison baran
kaj kunigos ambaŭ nin.

# Flor-knabino.

Sur strato homoj hastas vante.
Knabino sola meze staras
kaj vendas florojn elegante,
rideton gajan malavaras.

ŝi al pasantoj kiel suno
per sia ĝojo hele lumas.
De ŝi aromas flora juno,
animon ĉiun ŝi parfumas.

Knabin' kaj floroj kvazaŭ samo –
kombin' mirinda de l' naturo:
en ili floras vivo-amo,
en ili spiras ĉasta puro.

Aliras mi, bukedon prenas –
de ŝia mano sentas varmon,
ĝin por momento mi retenas,
ĝuante tiun ravan ĉarmon.

# Impreso.

Hej, knabin', vi kien kuras?
Haltu, ĉarma, por moment'!
Miru, kiel arde brulas
en animo mia sent'.

Mi ekamis fulm-rapide,
nur sukcesis vidi vin.
Ne preteru ja forglite.
ho, hazarda belulin'!

Tempo kuras! Nur memoro
gardas spurojn de la kur'.
Mi vin savos de l' ignoro,
de l' forgeso. Restu nur!

Nu, ne hastu, karulino
sol-trezora! Estu vi
mia sorĉo kaj destino
en kuniĝa longa viv'!

## TERSCIENCO

# Subite ne malrapide Tero ŝanĝiĝas

de Henry Broadbent

Geologiistoj scias nun ke la Tero spertis ripetitajn periodojn de monto-kreskado kaj -erodado sekvitajn de periodoj kiam la maro kovris la sekan teron ĝis la montoj ree komencis kreski. Unu periodo daŭris ĉirkaŭ 200 milionojn da jaroj. Ok periodoj de kresko tiam kovriĝis per maro por tri epokoj de la tuta tempo de 1700 miliardoj da jaroj. Nur dum la lastaj 2-3 periodoj, nomitaj la Fanerozoika epoko, la landaj bestoj, insektoj kaj plantoj aperis dum eble 500 milionoj da jaroj. Tiu periodo komenciĝis per unu aŭ du periodoj dum kiu la tero preskaŭ tute iĝis kovrita de glacio.

Post tiam tri aliaj epokoj de kresko de glacio okazis. Nia subperiodo, la Kvaternaro daŭras jam de ĉirkaŭ 3 milionoj da jaroj kaj dum tio periodo la glacio kovris, pli aŭ malpli la sekajn areojn ĉe kaj ĉirkaŭ la du polusoj. Ni ja estas en la mezo de glaciepoko. Ĝuste nun ni ĝuas varman periodon nomitan “Interglacia Periodo”. La 2-3 km dika glacitavolo sur Kanado kaj Eŭropo degelis rapide antaŭ ĉirkaŭ 11.5 mil jaroj. Tamen ĝi degelis kaj refrostiĝis ankaŭ ĉirkaŭ antaŭ 14 mil jaroj dum periodo nomita Pli Juna Driado. La antaŭa interglacia periodo okazis antaŭ 125 mil jaroj, sed inter ties periodoj ankaŭ okazis multaj rapidaj ŝanĝoj de glacia kvanto, temperaturo kaj mara nivelo. Kaj en la sama maniero okazis rapidaj ŝanĝoj dum la tuta Kvaternaro. Tri periodoj de tre rapida kresko de la mara nivelo okazis je tiuj tempoj kaj la lasta okazis ĉ. 7 500 jarojn antaŭ nun.

Oni nur ĵus trovis ke ni antaŭ ne tro longe spertis glaciepokojn antaŭ malpli ol 2 jarcentoj.

Baldaŭ oni enketis pri la kialo de la glaciepoko. Unue Joseph Alphonse Adehemar, poste James Kroll kaj fine Milatin Milankovitch laboris longe je matematikaj teorioj. Fine dum la 1930oj la teorio de Milankovich gajnis aprobon por kelkaj jaroj. Sed dum la 1950oj iuj serĉis aliajn kialojn.

La teorio de Milankovich ŝajnis montri ke la glacio kreskas aŭ degelas konforme kun la kvanto da varmo kiun Tero ricevas de la suno. Tero orbitas ĉirkaŭ la suno per elipso kiu longiĝas kaj mallongiĝas kun periodo de 100 mil jaroj. La tero rotacias kun akso ĉe inklino al la ebeno de la orbito. La inklino varias el 22° al 25° kun periodo de 41mil jaroj. La celo de la akso de tero al la steloj rotacias en granda cirklo trans la ĉielo efektive kun periodo de 22 mil jaroj. (La vera precesia periodo estas ĉ. 26 000jaroj sed por la suna varmo alia

movo komplikas la afero). La rezulton de la varioj kalkulis Milankovitch kaj verŝajne ili donis la kialon por la glaciepoko. Tamen la rapidaj ŝanĝoj ankoraŭ enigmis.

El 1950 la serĉoj por arkeologia atesto disvastiĝis kaj Charles H Hapgood eldonis libron La vojo de la poluso (*The path of the Pole*). Tiu libro donas amason da informado. Hapgood opinias ke la faktojn de la arkeologio oni nur povas kompreni per teorio ke la krusto de Tero moviĝas super la korpo de Tero. Per tio efektive la polusoj kaj korpo de Tero moviĝas rilate al la krusto. Tion estas iomete malfacile kredi. Tamen se sufiĉe forta ekstera torda forto agus sur la Teron, la aksoj de la tero ŝanĝiĝus. Iu scientisto, eble Newton, diris ke "Se la tero estus perfekta sfero, eĉ insekto povus ŝanĝi la lokon de la akso". Sed la ekvatora ŝvelo malpermesas ajnan movadon de la akso, almenaŭ per malforta torda forto.

Dum la 1940oj Immanuel Velikovsky serĉis tra la mitoj kaj la skribita historio de Tero, ankaŭ la rezultoj de arkeologiaj atestoj kaj verkis kelkajn librojn. La libroj donis atestojn ke multfoje en la lastaj 3-4 mil jaroj Tero suferis pro kometoj kiuj preterpasis tiel proksime ke ili kaŭzis tertremojn, vulkanojn, inundojn fare de la maro, rokhajlojn, gasajn kaj likvajn poluojn. Kompreneble ĉe ĉiu katastrofo multaj pereis. Tamen la homaro forgesis kaj post 2 mil jaroj sen la okazo de ia simila katastrofo la plej multo de homoj opinias ke la historio pri tiu tempo estas feina rakonto. Scientistoj malestimas la ideojn de Velikovsky eĉ kvankam li antaŭdiris ke Venuso troviĝos tre varma, ke la kvieta Jupitero troviĝos tre elektre aktiva, ke krateroj troviĝos sur Marso, kiel sur la Luno. Ĉiu prognozo, ni nun scias, estas la vero. Sed oni ne donas al Velikovsky la krediton.

Velikovsky antaŭ kredis ke Venuso ŝanĝis la pozicion de la akso de Tero kiam ĝi pasis apude de Tero antaŭ ol ĝi iĝis planedo. Se vi rigardos la lokon de la glacio sur la norda hemisfero antaŭ 20 mil jaroj, aperas ke la poluso devus lokiĝi ne ĉe la nuna loko sed ĉe la suda parto de Gronlando. Multo de la atesto en la libroj de Hapgood konformas al tiu loko de la poluso.

Ĉirkaŭ antaŭ 40 jaroj scientistoj akiris longajn cilindrojn da koto el la grundo sub la oceanoj kaj cilindrojn de glacio el Antarkto kaj Gronlando. Ili povis grafike montri ke la informado el tiu cilindroj indikas la temperaturon de Tero dum la lastaj 500 mil jaroj kaj eĉ pli.

Gesinoroj John kaj Katherine Palmer Imbrie grafikigis per spektra ekzameno. La grafikaĵo evidente pruvis ke la teorio de Milankovich estas korekta. Ĉiuj malstreĉiĝis kaj komencis serĉi la kialojn por la rapidaj ŝanĝoj de klimato ktp., kaj evidente ili forgesis pri la arkeologiaj atestoj.

Mi ankaŭ serĉis pruvon ke la ideoj de Velikovsky estas korektaj. Ekzemple mi serĉis Egiptan konstruaĵon kiu indikas la lokon de la poluso en Gronlando

dum la pasinteco, sed por 16 jaroj sen rezulto.

Lastan jaron mia pli aĝa frato sendis al mi librojn de Usona inĝeniero, arkeologo kaj astronomo nomita James M McCanney. McCanney verkis kaj eldonis en scienca gazeto teorion pli la kresko de galaksioj kaj sunaj sistemoj kiel niaj. La teorio donis kialon kial galaksioj estas tre simetriaj. Per lia teorio ne necesas revi pri malhela materio. Li opinias ke la suno gajnis novajn planedojn el tempo al tempo. Venuso estas la lasta planedo alveninta. Lia teorio pri la universo estas ke ĝi estas elektra universo kaj magnetismo kaj gravito estas du aferoj.

De longa tempo mi opinias la samon, sed ne povis evoluigi la ideon. McCanney proponas ke kometoj ne estas glacibuloj sed rokaj kaj ili grandiĝis per altiro de pulvoro kaj gaso el la spaco inter planedoj per elektra potenco el la elektronoj kaj protonoj kiuj bloviĝas el la suno. Li proponas ke tio ankaŭ ŝanĝis la orbiton de la kometo ĝis ĝi iĝis planedo. Li diras ke tio okazis al Venuso antaŭ ĉirkaŭ 3000 jaroj. [Ankaŭ la Kristana Bibilio diras tion.]

Kiam McCanney trovis la librojn de Velikovsky li tre ŝatis la informadon kaj diris ke ja liaj ideoj estas korektaj. La scientistoj nun malpermesas McCanney eldoni en iliaj gazetoj kaj eĉ devigis lian dunginton maldungi lin. "Kiel aŭdacas inĝeniero publikigi en astronomia gazeto? Li estas ĉarlatano ktp." Kompreneble ili envias McCanneyn sed ankaŭ ŝtelas lian ideojn.

McCanney  opinias ke la akso de la piramidoj de Teotihucan en Meksiko celas al la loko de la poluso, ankaŭ li opinias ke ĝi ŝanĝiĝis antaŭ ĉirkaŭ 5000 jaroj. Post kontrolo de la ideo, tiu celo troviĝas tro for al la okcidento por esti korekta. Do nun serĉi alian konstruaĵon.

La plej multaj temploj de Egiptio konstruiĝis en la lastaj 4-5000 jaroj, post la proponita ŝanĝo de la pozicio de la poluso. Tamen la Sfinkso kaj ĝia templo estas pli aĝaj. Eble 10 mil jaroj pi aĝaj. La ŝafaj sfinksoj de Karnak konstruiĝis en la tempo de Aries, kiam Aries leviĝis kun la suno je la marta ekvinokso. Se la leona Sfinkso konstruigis laŭ tiu sistemo, oni konstruis ĝin antaŭ 10 500 jaroj kiam la konstelacio ***Leono*** leviĝis kun la Suno je la marta ekvinokso.

La Sfinkso nun rigardas precize al la oriento. Certe se la poluso ŝanĝiĝis, la Sfinkso kiam ĝi konstruiĝis devus celi al alia direkto. Tamen se la Sfinkso konstruiĝis rigardi la sunon dum la somermeza solstico, estus sufiĉo da informo por kalkuli kie la poluso estis tiam. La kalkulo metis la antaŭan pozicion de la poluso en suda Gronlando ĉe 45° W 66° N. La rezulto estas tre interesa kaj donis grandan kontentigon. Tiu kalkulo fariĝis je 1a de januaro 2008.

Je la fino de aprilo dum serĉo per la interreto pri Thor Heyerdahl, por enketi pri alia afero, mi trovis ke Thor kredis ke la piramidoj de Egiptio kaj la piramidoj de Teotihucan estis "ĝemeloj". Li opinias ke en la pasinteco ili sidis ĉe

la sama latitudo, sed iel la krusto moviĝis kaj ilia latitudo ŝanĝiĝis. Post kontrolo per ŝnureto super la globo de Tero, montriĝis ke la latitudo, kun la poluso en Gronlando, donis la saman latitudon al ambaŭ lokoj de 32.5°N. Do McCanney eble estas korekta kaj Teotihuacan vere indikas la antaŭan pozicion de la poluso, sed ne laŭ la maniero kiun li imagis. Serĉo je la ligo inter Giza kaj Teotihuacan estas iomete malfacila por brakseĝa arkeologiisto. Tamen ŝajnas ke la direkto laŭ la pikoj de la du pirimidoj estas ortangula al la direkto de la sunleviĝo dum la somermeza solstico. (Aŭ ja ortangula al la sunsubiro je la vintromeza solstico.)

Per la uzo de la precizaj lokoj de Giza kaj Teutihuacan nova kalkulo pli precizigis la lokon de la poluso al 45.7°W, 65.6°N. Nekredeble sed nun estas du indikoj kiuj konfirmas la teorion. Sed kiel pruvi la teorio?

Cilindroj da koto el la subgrundo de Pacifiko donis spurojn el la ekvatora fluo. Pruvo de la antaŭa loko de la ekvatoro eble povos troviĝi el cilindroj de koto el la ĝusta loko.

Se la teorio estas la vero, ĝi havas implikojn pri la estonta klimato de Tero. Sendube ni ankoraŭ nur havas rudimentajn kaj neperfektajn ideojn pri la kaŭzoj de la multaj, subitaj, rapidaj kaj grandaj ŝanĝoj de la vetero, la temperaturo de Tero, la kvanto da glacio kaj la nivelo de la oceano. Certe multaj katastrofoj okazis dum la lastaj 20 000jaroj kaj aparte dum la lastaj 5000 jaroj. Kometoj ŝajnas havi grandan influon, sed Venuso nun estas kvieta, sed tre varma kaj nova planedo. Espereble ni nun spertos longan pli kvietan periodon. Se la poluso ja estas lokigita en novan lokon antaŭ 5000 jaroj nun, ĉar ne estas seka grundo ĉe la poluso, la norda hemisfero ne plu kovriĝos per glacio. Ĉu la tera klimato iĝos tro varma, estas alia afero. Tiu afero povus esti la temo de alia artikolo. Ankaŭ Antarkto ankoraŭ spertas glacion, eble ĝi kreskos ĝis la glacio falos en la maron!

Notu: Dum la serĉo je informado mi trovis ke multaj personoj havas strangajn ideojn pri la piramidoj. Oni povas certi ke la miloj da pirimidoj konstruitaj ĉirkaŭ la mondo estas el memoro el tempo, aŭ tempoj, de progresema scio kaj alta civilizacio kiu perdiĝis per katastrofoj. Tamen mi ne kredas ke la pirimidoj estas signoj de vizituloj, aŭ dioj, el aliaj steloj.



Urso Maritima kun ido



Simio kun ido

# PSIKOLOGIO

# La komenco de psikanalizo

de Donald Broadribb

(Ĉerpaĵo el aŭtobiografio de Pierre Janet)


Pierre Janet

Mi naskiĝis en 1895 kaj jam tre juna, mi interesiĝis pri psikologio. Miaj studoj ŝajnis rezulto de ia konflikto, kompromiso inter neinterakordigeblaj kaj diversaj tendencoj.

Jam tre juna, min interesis botaniko kaj mi komencis kolekton de sekaĵoj. Ve, ĉar mi verkas konfeson, mi devas agnoski ke mi retenas tiun misfortunan pasion dum mia tuta vivo. Mi ankoraŭ havas mian sekigitan plantaron, kiun mi pligrandigas ĉiujare kaj kiu daŭre pli malfacile zorgiĝas.

Ĉi pasio estigis mian emon dissekcii, precize observi, kaj klasifiki, kio devus fari min naturisto aŭ fiziologo. Sed en mi estis alia emo kiu neniam kontentiĝis kaj kiun oni apenaŭ rekonus en ĝia nuna formo. Kiam dekokjara, mi estis tre religiema, kaj mi ĉiam konservas emon al mistikismo, kiun mi tamen sukcesas regi. Temis pri kunamikigi sciencemon kaj religiajn sentojn, kio ne estis facile farebla. La kunamikigo estus efektivigebla per perfektigita filozofio kiu kontentigas kaj la racion kaj la kredon. Mi ne ne trovis tiun miraklon, sed mi restas filozofo.

Mian interesiĝon pri la studo de filozofio vigligis la vivo de mia onklo Paŭlo Janet, frato de mia patro. Paŭlo Janet, al kiu mi multe ŝuldas, estis bonega persono, laborema kaj inteligenta, kaj nun mi opinias ke li ne estis juste traktata. Li estis ne nur spirita metafizikisto, la lasta reprezentanto de la eklektika skolo de Cousin, sed li estis grandanimulo kiun ankaŭ interesis la politiko kaj la sciencoj, kaj kiu, per granda liberalismo, strebis unuigi tiujn fakojn. La komprenis la gravecon de medicinaj kaj anatomiaj studoj por la morala inteligento homa. Li mem, komence de miaj studoj de filozofio, konigis min al Dastre, Profesoro de Fiziologio en la Sorbono, kaj okupigis min en lia laboratorio. Kaj li, post la lernejo por instruistoj, studentigis min en la Medicina Lernejo de Parizo, kaj daŭre instigis min kombini studojn de medicino kaj filozofio.

Jam la filozofoj de la skolo de Cousin, Maine de Biran kaj Joufroy, rigardis la psikologion kiel apartiĝintan de la filozofio, kaj miaj filozofiaj ideoj, samtempe sciencaj kaj religiaj, tute nature kondukis min al studado de psikologio, kiu devus finiĝi en la malproksima estonteco kiel la dezirata metafiziko. Ĉu la miloj da observoj pri la ideoj kaj sentoj de la afliktatoj, de homoj supozeble morale sanaj, kiujn mi kolektis dum mia tuta vivo kaj

klasifikis tiom zorge, ne estas kvazaŭ plantaro, metebla apud la alian? Pro tiaj diversaj influoj, la filozofo iĝis psikologo.

Kiam mi iĝis Profesoro de Filozofion en la Liceo de Havre, estante 22jara,mi volis daŭrigi miajn studojn de medicino kaj de scienca psikologio malgraŭ ĉio. Min bonvenigis neforgeseble la kuracistoj de la hospitalo, kiuj disponigis al mi ne nur informadon pri medicinaj spertoj sed ankaŭ provizadis al mi studeblajn personojn interesajn laŭ psikologia vidpunkto.

Nekutima propono farita al mi de bone konata kuracisto en Havre, D-ro Gilbert, jam dekomence orientis miajn studojn laŭ iom neanticipita maniero. Tiutempe, mi intencis pretigi medicinan tezon pri halucinado kaj studi, konekte kun tio, la mekanismon de perceptado. Mi demandis al D-ro Gibert ĉu li konas homon suferantan pro halucinado, kiun mi povus studi. Li diris al mi ke tiutempe li konis neniun kiu min interesus, sed ke li povus montri al mi aliajn psikologiajn kazojn kiuj liaopinie estas multe pli eksterordinaraj. Li ĉiam ŝatis la studon de animala magnetismo, kiu prosperis en Normandio, precipe en Caen, kaj kiu persistis malgraŭ oficiala malaprobo fare de erudiciuloj. Li regule korespondis kun virino konata per la nomo Léonie, kiun kiam ŝi estis juna hipnotizis D-ro Perrier de Caen, kiun konigis Dupotet, kaj kiun oni observis fari kuriozaĵojn per klarvido, mensa sugestado, hipnotizado el tre malproksime, ktp. Kia bonfortuno por juna psikologo, 22jara, scivolema pri ĉiaj psikologiaj fenomenoj, kaj allogata de la mistera aspekto de tiuj okultaj fakoj! Responde al peto mia, Gibert venigis la faman Léonien al Havre kaj miaj studoj pri ŝi diversfoje dum nombro da jaroj orientis mian fruan laboron al la mirindaĵo hipnota somnambulismo.

La eksperimentoj montritaj al mi de Gibert kaj kiujn mi mem reproduktis per Léonie, precipe la estigo de hipnotiĝo el malproksime, ne ŝajnis vere nekontesteblaj, sed malgraŭe tre strangaj kaj atentindaj kaj diskutindaj. Mi havis oportunon informi pri miaj laboroj societon de psikologoj ĵus fonditan en Parizo kaj prezidatan de Charcot kaj Charles Richet. Tiu malgranda prezento, kvankam tre prudenta kaj skeptika pri mensa sugestado kaj hipnotizado el malproksime, tamen altiris atenton de la Societo por Psikaj Esploroj en Londono, kiu proponis sendi membron sian al Havre por kontroli mian laboron. La eksperimentoj kiujn mi faris, petite de tiu komisiono kaj laŭ la postulita scienca zorgo, estigis kelkajn tre interesajn rezultojn: 16foje en 20 provoj, somnambulismo koincidis precize kun mensa sugesto farita kilometron malproksime. Tiuj eksperimentoj, kiujn eldonis kaj, laŭ mia opinio, tro frue popularigis, la reprezentantoj de super-normala psikologio, ekde tiam estas cititaj kaj uzitaj en ĉiaj verkoj pri la nekonataj fakultoj de la homa menso. Rigardante tiujn citojn kaj la misuzon de miaj iamaj observoj, mi ĉiam sentas miron kaj bedaŭron. Estas strange ke tiuj aŭtoroj kiuj tiom fidoplene

republikigas tiujn eksperimentojn el 1882 neniam pensis skribi al la eksperimentinto ankoraŭ vivanta por demandi liajn pensojn pri ili! Mi estus respondinta ke jam tiutempe, kaj des pli nun, mi dubas la interpreton de la faktoj kaj emas mem kritiki ilin, ĉar mi opinias ilin simpla vagado for de pli profundaj studoj.

Mia unua eniro en la studo de malsanoj de la nervosistemo, per ekzamenado de misteraj fenomenoj kaj dubinda realo, ne ŝajnas tute bedaŭrinda. Unue, tiuj strangaj enketoj kontaktigis min kun kelkaj gravuloj kun la sama scivolemo en la fono de la menso, Charcot, Charles Richet, Frederick Myers, Sidgwick. Ili informis min pri siaj propraj entuziasmoj kaj duboj, kaj montris al mi la proprajn enketojn kaj metodojn. Tiu malfacila kaj danĝera enketado instruis al mi, jam de la komenco, la neceson havi certan kvaliton de menso nepran por studi patologian psikologion. Oni devas alveni tian enketadon kun certa trankvilo, en kiu mankas sistema kaj antaŭdecidita admirado aŭ malakcepto. Charcot poste diris al mi, parolante pri la studado de histerio: *Nil admirari* estas necesega, nepre havenda vidpunkto. Mi jam trovis tion ekzamenante Léonien. Al mi multe malplaĉis post ĉiu seanco aŭdi la troigitajn kaj malprecizajn raportojn de la asistintoj, kiuj ŝajnis mallertaj kaj parolemaj dum la eksperimento, kaj poste konstruis plene erarajn memorojn pri kio okazis. Tiutempe, mi decidis ekzameni subjektojn kaj pacientojn laŭeble sen esti ĝenata de atestantoj. Krome, mi akiris kutimon kiun mi ĉiam konservas, skribi konstante dum la kunveno detalajn notojn pri ĉio okazanta, noti la vortojn diritajn de la atestantoj, de la paciento, de mi mem, kaj ne plu atenti ian ajn memoron kiu ne ekzakte koincidas kun skribita noto. Mia psikologio iĝis la "psikologio de la fontoplumo", kaj bedaŭrinde miaj priskriboj de la pacientoj iĝis nekutime longaj kaj pezaj pro la reproduktado de la ekzaktaj vortoj diritaj kaj skribigitaj de mi. Tamen, ĉio ĉi donis al la observado la karakteron de realo, kion mi precipe celis. Negrave kio ajn ili estas, tiuj unuaj studoj pri la mirindaĵoj de animala magnetismo turnis min al la studado de somnambulismo kaj hipnotizado, kiuj tiam estis tre popularaj kaj almenaŭ laŭŝajne aspektis metodo por komenci la psikologian studadon de mensa patologio.

Oni devas memori ke tiutempe, en 1882, mi estis nur tre malmulte studinta anatomion kaj fiziologion kaj mi neniom konis la instruojn de Charcot ĉe Salpêtrière, nek tiujn de Bernheim ĉe Nancy, kies ekziston mem mi ne konis. Iom malfacile, mi konatiĝis kun tiuj instruoj, kaj samtempe kompilis la verkojn de la francaj hipnotizistoj, farante kolekton ankoraŭ nun interesan. Tute sendepende de tiuj diversaj skoloj, mi komencis kritiki tiujn verkojn. Precipe mi pruvis la tre kuriozan kaj historian interrilaton de la instruoj de Charcot aŭ Bernheim kaj tiuj de la hipnotizistoj kiujn ili laŭ sia proklamo ignoris kaj

malestimis, sed kiuj tamene influis ilin. (*Médications psychologiques*, Vol. I, p. 170.) Mi konvinkiĝis ke tiuj aŭtoroj entreprenis studi certajn strangajn formojn de konduto kun tro multa atento al medicino kaj sen sufiĉa kono de la psikologiaj problemoj kiuj estas la fundo de tiuj kondiĉoj. Sekve de tio mi longe studis la neŭrozojn, precipe histeriajn neŭrozojn, kion mi daŭrigis ĉe Havre ĝis 1889 kaj ĉe Salpêtrière en la Psikologia Laboratorio kiun disponigis al mi Charcot en 1889. Tiu enketado estis resumigita en pluraj artikoloj eldonitaj ekde 1886, en mia filozofia tezo 1889, kaj en mia medicina tezo *L'état mental des hystériques*, 1892.

Tiuj studoj estas nun iom forgesitaj pro la senkreditigo ĵetita sur observadojn pri histerio depost la morto de Charcot en 1895. Histeriaj pacientoj ŝajnis malaperi, ĉar oni nun donis al ili aliajn nomojn. Oni diris ke ilia emo mensogi kaj facile akcepti sugestojn endanĝerigis ekzamenojn kaj dubigis interpretojn. Mi kredas ke tiuj kritikoj estas ege troigitaj kaj bazitaj sur antaŭjuĝoj kaj miskompreno, kaj mi plu havas iluzion ke miaj fruaj enketoj ne estis vanaj kaj ke ili postlasis kelkajn specifajn ideojn.

Laŭ psikologia vidpunkto, ili iomete komencis enlumigi la diferencon inter agoj de la pli altaj centroj kaj tiuj malpli altaj, inter sintezaj kaj aŭtomataj agoj. Ĉi tiuj estis nur regula ripetado de grupo de psikologiaj fenomenoj, de sistemo de ideoj, bildoj, emocioj, moviĝoj, kiujn okazigis la pli altaj agoj de sintezo je momento kiam kompleksa situacio unuafoje montris sin. Tiu diferenco, precipe en certaj kazoj, estigis distingon de *malkonsciaj* agoj kiel plene kontraŭajn al plene konsciaj agoj. Tiuj studoj komencis la interpretadon de sugestado, kiu tiom grave rolas en socia kondutado kaj proksimiĝas al tiuj de volo kaj kredo.

Laŭ la medicina vidpunkto, mi ankoraŭ kredas ke fine oni devos reiri al interpretoj de neŭropataj malsanoj similaj al tiuj kiujn mi proponis rilate al histerio. Mi estis inter la unuaj kiuj indikis la enorman rolon de sugestitaj kredoj, kaj de aŭtosugestado en histerio: en mia tezo pri la mensa stato en histerio, 1892, mi donis al la plejparto de la karakterizaĵoj la nomon "fiksaj ideoj" de histeriuloj. Post la morto de Charcot, interpreto de histerio kiu religis ĉiujn simptomojn al sugestado estis prezentita kun la pretendo ke ĝi plene diferencas de mia. Kompreneble, tute vere mi neniam absolute sistemigis miajn interpretojn laŭ la koncepto de fiksaj ideoj. Establante la gravecon de sugestita kredo en histerio, mi devis rimarki ke tiu klarigo nepre ne estu troigita, ke eĉ en certaj kazoj de histeria hemiplegio, ekzistis emo preterigi la fiksajn ideojn de la subjekto, kaj ke ĝenerale tiuj fiksaj ideoj ne ĉiam ekzistis precize. Plejĉefe, mi ne povis konsideri tiun emon akcepti sugestojn absoluta primitiva fenomeno, mi ne povis akcepti ke malsano eksplikeblas per sinlimigo al la diro ke la subjekto sugestis al si mem ke li malsanas. Miaopinie, antaŭa malsanemo,

malfortiĝo de la funkcioj de rezisto kaj sintezo, necesas por estigi sugesteblon.

Serĉante la kondiĉojn de tiu malfortiĝo, kiuj laŭ mia opinio estas multaj, mi rekonis rilate al certaj kazoj la rolon de unu aŭ pluraj eventoj en la pasinta vivo de la subjekto. Tiuj eventoj, kiuj establis violentan emocion kaj detruon de la psikologia sistemo, lasis spurojn. La memoro de tiuj eventoj, la mensa laboro postulata por memori kaj establi ilin, persistis en la formo de malpli altaj kaj pli-malpli konsciaj psikologiaj procedoj, sorbis grandan kvanton da energio, kaj rolis en la persistanta malfortiĝo. Ankaŭ tiurilate, se mi ne eraras, ĉi nocio fruktodonis kaj estigis tutan teorion pri neŭrozoj kaj psikozoj konsistanta el la subkonscia persisto de emocia traŭmato, kaj kaj metodo de enketado estis tute plene elverkita pri ĉi speco de traŭmatoj. Ĝis nun mi neniam enkondukis klinikan observadon kiel metafizikan sistemon, kaj mi neniam pretendis ke ĉiuj neŭropataj malfortiĝoj estas ekskluzive la konsekvenco de traŭmata memoro. Krome, miaj studoj ĉe la Salpêtrière indikis al mi pli kaj pli la rolon de ĉiuspeca laciĝo, organikaj malsanoj, kaj hereditaj tendencoj; mi ne volis troigi la gravecon de ĝusta observo rilate al kelkaj specifaj kazoj.

Tiu timo troĝeneraligi specifan observon, tiu deziro montri la diversajn formojn de psikologia malforto instigis min studi aliajn aspektojn de deprima neŭrozo. En granda hospitalo kie estis tiom multaj diversaj specoj de pacientoj, estis facile selekti, kaj dum pluraj jaroj mi dediĉis miajn studojn al tikoj, frenezo, fobioj, obsedoj, kaj ĉiaj impulsoj. Tiu nova serio de observoj estas resumita en multaj artikoloj, en miaj libroj pri Les nérvoses et les idées fixes, kaj finiĝis per mia verko pri Les obsessions et la psychasténie, 1903.

Tiuj diversaj miskondiĉoj kiuj turmentas la pacienton dum jaroj kaj kiuj estas preskaŭ gravaj mensaj malsanoj, dementia praecox precipe, estis priskribitaj tute apartaj unu de la alia. Mi klopodis iom unuigi tiun konfuzan grupon de simptomoj per trovo de kio estas esenca kaj komuna en la diversaj formoj de malsano. Tio ebligis al mi meti en la rubrikon psikastenio, se ne t.n. malsanon, almenaŭ grandan sindromon, formon de neŭrozo, distingendan de epilepsio kaj histerio.

En mia priskribo de la simptomoj de la psikastenia neŭrozo, mi substrekis precipe la patologiajn sentojn kiujn mi tiutempe nomumis sentojn de maladekvateco kaj kiuj iĝis en mia ĵusa libro parto de la sentoj de vakeco.

Laŭ la psikologia vidpunkto, kiu prilaborado de obsedoj kaj psikastenio indikas tre interesan etapon en la evoluo de miaj ideoj pri la diversaj gradoj de psikologia aktivo. Anstataŭ limigi min al du facile distingeblaj formoj, aŭtomata aktivado kaj sinteza aktivado, mi trovis necesa la establon de diversaj gradoj de pli alta aktivado. Unu kvalito de tiuj aktivoj trafas la observanton kiam li ekzamenas la malsanojn de dubo, la diversajn abuliojn, kaj la sentojn de neadekvateco. En normala homo, tiujn aktivojn karakterizas strikta konformo

inter agoj kaj la ekstera realo, korpa aŭ socia. Sendube, ĝenerale, ĉiu agado konformas iomete al la realo: la plej simpla reflekso estas adaptita el iu fakto en la reala mondo, sed tiu rilato kiu ne percepteblas en la malpli altaj agadoj iĝas je certa nivelo objekto konsciata, kaj tiu sento de realeco grave rolas en la agadoj de la volo kaj la kredo. Facilas rekoni ke la plejparto de niaj pacientoj trovas malfacila tiun funkcion de la realo.

Studante tiujn diferencojn de funkciado, oni nature eksupozas ke ĉiuj agadoj de la menso ne dividas egalan gradon de facileco, kaj ke dum malfortiĝo de cerbaj funkcioj, ili malaperas unu post la alia, progresante pro siaj malegalaj gradoj de facileco. La gradon de psikologia tensio aŭ la altiĝo de la mensa nivelo manifestigas la grado en la hierarkio de fenomenoj okupata de la plej alta funkcio atingata de la subjekto. La funkcioj de realo, kune kun agoj, perceptoj de la realo, certe, ĉiuj postulas altajn gradojn de tensio, iĝas fenomenoj de alta tensio; sonĝoj, perturboj de movkapablo, emocioj postulantaj malpli altajn tensiojn estas konsidereblaj kiel fenomenoj de malalta tensio respondanta al malpli alta mensa nivelo.

Mi deziras mencii ĉi tie cirkonstancon, kiu, se mi ne eraras, havis certan rolon en la evoluo de miaj instruoj. Ĉar mi lokis pro cirkonstancoj inter filozofoj kaj medicinistoj, dumlonge mi sentas grandan malfacilon paroli al ambaŭ grupoj samtempe kaj ke iliaj diversaj lingvoj malebligis ke ili komprenu unu la alian. Neniam min pli forte trafis la lingva problemo en psikologio kiel dum triviala evento kiun mi petas ke vi permesu min priparoli.

Ĉirkaŭ 1896 aŭ 1897, kelkaj studentoj ĉe la hospitalo, la kuracistoj, kaj la direktotoj de la kliniko inter kiuj estis miaj amikoj Laignel-Lavastine kaj la bedaŭrata Sicard, venis peti min prezenti specialan kurson pri klinika psikologio por ili. Fine de la kurso stranga evento okazis: la studentoj estis kontentaj, aŭ almenaŭ estis sufiĉe ĝentilaj por pretendi tion, sed la profesoro tre malkontentis pri si mem. Neniam antaŭe min trafis tioma sento de la neadekvateco de la instruado, la konvencia karaktero kaj praktika senvaloro de nia psikologio. Tiutempe, komencinte anstataŭigi Ribot-on ĉe la Kolegio de Francio, mi havis oportunon ellabori la kurson laŭ nova maniero kaj uzante novan terminologion. Dum miaj tridek jaroj ĉe la Kolegio de Francio , mi kredas ke mi pritraktis ĉiujn temojn psikologiajn kaj psikiatrajn laŭ pli klinika vidpunkto kaj per pli taŭga terminologio.

Praktika psikologio kiu esperas iĝi parto de jurisprudenco, pedagogio, kaj medicino devus plejĉefe esti objektiva kaj bazita sur ekstere observeblaj faktoj. Psikologio evoluinta el karteziismo kredis ke la pensado estas la plej primitiva fenomeno kaj la agadon kiel konsekvencaĵon aŭ duarangan esprimon. Ĝia lingvo baziĝas sur priskriboj de internaj fenomenoj kaj ne akordiĝas kun la lingvo bazita sur objektivaj priskriboj. Ni devas formuli psikologion en kiu

ekstere observebla agado estas la fundamenta fenomeno, kaj en kiu interna pensado estas nur reprodukto, kombino de tiuj eksterenaj agoj en reduktita kaj specialigita formo.

Behaviorismo, tiom necesa dum la studado de la konduto de bestoj, estas facile aplikebla al elementaj agoj. Troviĝas la demando: Ĉu sama speco de priskribo aplikeblas al la homa kondutado? Tio eblas, kun du kondiĉoj: Unualoke, tiu psikologio de la konscio devas disponigi lokon al la konscio, kiun oni povas perforte subpremi rilate al malpli altaj bestoj. Oni devas rigardi la fenomenon konscio kiel specialigitan konduton, komplikon de la ago, aldonitan al la elementa konduto. Dua kondiĉo estas ke dum ĉi tiu priskribo de konduton, oni nepre devas okupi sin pri la pli altaj formoj de konduto, kredoj, pripenso, kaj spertoj. Kutime oni esprimis tiujn faktojn kiel specojn de pensado, kaj por konservi la saman lingvaĵon en la tuta psikologia scienco, necesas esprimi ilin rilate al agado. Tiun psikologion oni povus nomi psikologio de kondutado por indiki ke ĝi pritraktas pli larĝan kaj pli altan formon ol behaviorismo. Tion mi strebis fari per mia instruado dum la pasintaj tridek jaroj.

Tiuj pripensoj necesigitaj per klinika instruado inspiris miajn pli lastatempajn verkojn. En la tri volumoj de *Médications psychologiques* en 1919, mi prezentis per tiu pli preciza lingvaĵo resumon de miaj longaj medicinaj studoj pri neŭrozoj, psikozoj, kaj ilia kuracado. Mi ne nur penis rigardi la doktrinojn kiujn mi kolektis ekde mia juneco pri la historio de la diversaj metodoj de psikoterapio, mi ankaŭ penis mallonge ekspliki la faktojn kaj ideojn enhavatajn en tiuj vortoj tiom ofte senzorge ripetataj, sugestado, hipnotizado, morala katarso, ripozo, esteziogenio, izolado, ekscitado, morala direktado. Mi emfazis temon kiu ĉiam interesis min, nome la malfacilon de socia agado. Ne estas sufiĉe atentite kiom unusola persono per vortoj aŭ nura ĉeesto povas iel modifi la psikologian tension de alia persono. La problemo de religia kondutado proksime parencas al tiu studo de influoj, direktoj, kaj socia ekscitado.

La psikologio de kondutado, tamen, estigas malfacilon kaj konigas novajn problemojn. Multaj el la pli altaj psikologiaj fenomenoj havas internan spiritan aspekton kaj ŝajnas esti tute diferencaj disde t.n. agoj. La deziro klasifiki ĉiujn psikologiajn faktojn per la rubrikoj ago kaj konduto devigis min enkonduki novan analizon de konscio, kredo, memoro, pensado, kaj precipe emocioj. Tiuj studoj estis eksplikitaj en miaj kursoj pri interna pensado kaj pri la evoluo de memoro kaj la nocio tempo, kiuj estis ambaŭ publikigitaj, kaj en miaj du volumoj *De l'angoisse à l'extase*, 1928, kiuj pritraktas kredon kaj emociojn. Pensado estas interna lingvado; kredo iĝas speciala kombino de lingvo kaj agado; memoro estas ĉefe sistemo de rakontado; emocioj estas reguligiloj de

agado, reakcioj de individuo al siaj propraj agoj.

La psikologio de konduto adaptas sin tre facile al nia antaŭa koncepto de psikologiaj tensioj kiu rangigas unu tendencon super alian konforme al ĝia grado de komplekseco, perfekteco, kaj ordo de akiriĝo. En miaj universitataj lekcioj, kaj en la unua volumo de mia *De l'angoisse à l'extase* mi povis doni bildan hierarkion de la pli specifaj tendencoj. Kun plezuro mi rimarkis ke laŭ tiu vidpunkto la diversaj formoj de aktuala psikologio, infanpsikologio, kaj psikologio de primitivaj popoloj, ĉiuj konsentas multrilate kun patologia psikologio kaj proksimiĝas al analoga bilda hierarkio. Mi precipe emfazis du formojn de kredo, primitiva kredo, kaj pripensita kredo: tiu distingo ŝajnas grava por la interpretado de sugestado kaj delirado. Samtempe, la psikologio de konduto devigas nin emfazi alian aspekton de agoj kiuj ofte prenas alian formon kaj alie efikas kvankam ili ŝajne restas sur la sama nivelo. La efiko de agoj ŝajnas dependi ne nur de ilia psikologia tensio sed ankaŭ de la materiala forto de movoj kapablaj dismeti objektojn, de la rapido de tiuj movoj kiuj determinas la dismeton je specifa tempo, de la relativa daŭro de tiuj movoj. Ili estas la mezureblaj kvantoj kiuj esprimas la energion de vivanto. Anstataŭ provi enkonduki kvanton en la psikologion per hipotezaj konceptoj de psikofiziko, oni devas enkonduki kvanton per aprezo de la energio de la subjekto kaj ĝiaj varioj.

Modifoj de psikologia energio, ĉu ĝeneralaj, ĉu pli-malpli sistemigitaj kiel specifa tendenco, determinas grandajn karakterŝanĝojn kaj grave rolas en la plej multaj psikologiaj malsanoj. Je la transiro for de la neŭrozoj, oni povas rekoni heredajn lacojn, lacojn origінintajn en infekto aŭ tokso kaj tre ofte specifajn agojn kiuj kaŭzis la lacon. Mi faris liston de tiuj kostaj agoj kaj la karakterizaĵoj de la ago kiuj modifas la elspezon de energio. Multaj malsanoj rekte pritemas la derivon de energio produktata kiam pli-malpli ŝargita ago alttensia ne estas plenumebla. La psikologia problemo de la kosto de agado, de laciĝo pro elspezo, de la uzo de restanta energio poste iĝos ĉefproblemo en la psikologio kaj psikiatrio, kvankam nuntempe oni apenaŭ atentas ĝin. Mi devas mencii tute novan studon kiu apenaŭ komenciĝis kaj kies temo estas ne nur tiu psikologia energio sed ankaŭ la interrilato de tiu energio kaj tensio. Mi ekatentis parton de tiu studo per ekzameno de la fenomeno malŝargiĝo kiu esence rolas en konvulsioj kaj en la krizoj de psikolepsio. Verŝajne en la normala vivo, inter mense tute sanaj individuoj, certa proporcio estas konservenda inter disponigebla energio kaj tensio, kaj estas nebone kombini grandan energion kun febla tensio aŭ, inverse, strebi konservi altan tension kun nesufiĉa energio: la rezulto ĉiam estas agitiĝo, malsufiĉo, kaj senordeco. La plej utila estonta psikologio estos praktika psikologio de konduto kiu samtempe estos dinamika kaj studos la fiziologian produkton de energio kaj

ĝia distribuado. Sendube, tiuj sistemkonstruoj estas tre hipotezaj kaj efemeraj. La plej interesa parto de mia laboro ĉiam estos la multaj observoj kiujn mi faris pri kaj normalaj kaj malsanaj personoj. Mi tute ne povus kolekti ilin aŭ klasifiki ilin sen direktiĝo fare de filozofiaj ideoj kiuj ĉiam estis nemalhaveblaj. Kiel diris William James, oni vidas tion, kion oni anticipas vidi; simile, oni ne povas studi la homan psikologion sen gvidantaj ideoj, sen filozofiaj aŭ eĉ religiaj fonoj.

# RIDADO: LA PLEJ BONA MEDIKAMENTO?

de Vera Payne

(La 4-a de Majo estas la Monda Tago de Joga Ridado)

Tra la mondo troviĝas 52 kluboj dediĉitaj al la nobla arto ridi.

Kiel komitatano de la Perta Filio de la Asocio de Sendependaj Emeritoj, unu el miaj taskoj estas selekti parolantojn ĉiumonate por distri la anojn post la unuhora ĝenerala kunveno. La temoj estas diversaj: financaj kaj leĝaj kiaj moninvesto, asekureco, testamentoj, "Centrelink"; sano-aferoj kiaj medikamenta prizorgo, medicina teknologio, korpa ekzercado, help-organizoj kia la Arĝenta Ĉeno; ĝeneralaj temoj kia rubo- kaj kloakaĵo- reciklado. Ĵurnalistoj, kuracistoj, advokatoj, financkonsilantoj ktp venas, parolas, konsilas, distras.

Nia lasta gastparolanto estis Kim O'Meara, kiun oni nomas la "Rid'-Sinjorino". Bonegan impreson ŝi faris sur la normale malbabilema ĉeestantaro. Ŝi klarigis, ke ŝi estas "tutisma" sanigo-helpanto, ke ŝi strebas sanigi la tutan korpon, menson, animon. Tion ŝi faras utiligante la ilojn arto, skulptado, dramo, kaj ŝi ankaŭ "faciligas" ridadon.

En 1955, Hinda Doktoro Madan Kataria, leginte *Anatomio de Malsano* fare de Norman Cousens (Usonano kiu venkis gravan malsanon pere de konstanta legado, aŭskultado kaj rigardo de komediaĵoj — nepre legu Anatomy of an Illness), starigis ridado-klubojn en parkoj en Hindio, jam observinte, ke pozitivaj homoj resaniĝas multe pli rapide ol negativaj. Ŝercoj estis la unua fonto, sed baldaŭ sin montris la problemoj de rasismo kaj seksismo, kaj, ĉiaokaze, la ŝerco-fonto ne estis senfunda. Krom tio, humuro estas tre subjektiva, kaj kio amuzas unu personon, eble ne amuzas alian.

Do, la bona doktoro elpensis serion da ekzercoj por estigi ridon. Falsu ĝis ni valsu![1] Nia cerbo ne distingas inter la "naturaj" kialoj de rido disde la artefaritaj. (Fakte, la cerbo kredas kion ajn vi instruas al ĝi, do, zorgu bone… ekzercoj inkludis jogan spiradon — freŝa aero… en, malfreŝa… for — kiu masaĝas la internajn organojn. Kompreneble, nia spirado ege efikas niajn sanon kaj bonstaton.

Estas 2 500 tiaj ekzercoj, praktikitaj de la 52 rido-kluboj — korporaciaj, sanigaj, amuzigaj —ĉirkaŭ la mondo.

Infanoj ridas 300-400 fojojn ĉiutage; plenkreskuloj nur 15 fojojn, sed kelkaj homoj eĉ ne unu fojon. (Ni bone konscias, ke kelkaj homoj ne havas multe pri kio eĉ rideti, malpli por ridadi. Tamen, ridi eble helpos iomete, severe rigardi ĉion kaj ĉiun probable tute ne.) Infanoj, do, sin plenigas per endorfinoj (la

[1] "Fake it till we Make it"

“feliĉigaj” hormonoj) la tutan tagon.

Jen kelkaj kialoj por ridi multe kaj ofte: a) endorfinoj estas liberigitaj, b) doloro-subpremantoj (t-ĉeloj) ankaŭ estas liberigitaj, c) sango-cirkulado estas vigligita, d) antikorpoj estas liberigitaj, e) la korpo kaj la cerbo estas oksigenigitaj, f) amino-acidoj por la digesto kaj elimino estas kvante pligrandigitaj, g) kortizolo-niveloj estas malgrandigitaj. Kaj estas 50 pli da kialoj, diris Kim, invitante nin tralegi la tutan liston.

Ŝi revelaciis, ke en 2000 ŝi suferis mem-imunigan malsanon, kiu inkluzivis la Fenomenon Raynaud. La kuracisto prognozis, ke ŝi vivos nur 3 pliajn jarojn! Ho ne ne, pensis Kim, kaj jen komenciĝis ŝia intereso pri la sanigaj potencoj de pozitiva pensado, kaj de ridado.

Ni komencis nian rido-sesion per la mantro “ho, ho, ho-ho-ho”, samtempe “aplaŭdante” per la manoj. Kim mem ne povas manplate aplaŭdi, pro la ruinigo fare de la Raynauda. Tamen, per pozitiva meditado kaj la amata ridado, ŝi sukcesis preventi la amputon de siaj fingroj, operacion urĝitan de la ĥirurgoj!

Post komencaj “akupunkturaj” fingro-frapetoj laŭ la tuta korpo, ni progresis al serio da simplaj fizikaj movadoj, samtempe ridadante kiel kukaburoj, fiŝkaptistoj, sorĉistinoj, ktp. Ni “kant”ridadis “Feliĉan Naskiĝtagon” al ano kiu tiun tagoj festis sian datrevenon, kaj finis per absolute gajega Hokey Pokey, sen unu vorto sed kun skuega ridado.

La kutime seriozaj kaj “decaj” gesinjoroj dancis, ridetis, unue nervoze subridis, kaj fine ventroridegis.[1] Vere estis oksigeniga, stimuliga, pozitiva kaj feliĉiga sperto.

---

1 10 minutoj da ventro-ridego ĉiutage egalas duonhoron da remado sur la rivero. Kaj la stomako -muskoloj de Kim tion pruvas!

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Redaktoro:
Donald Broadribb

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com